15 Septembre 1907. 15ª Septembro 1907. 68ª NUMERO. 15n September 1907.
6ª JARO, 1ª numero.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.
Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**
Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**
Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,
53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

Au moins un an . . . . . fr. 6,00
Avec inscription à la Ligue *au moins* » 7,00
Membre protecteur de la Ligue avec abon. (Statuts p. II) *au moins* » 10,00
Un numéro . . . . . . . . . » 0,25
1e et 2e année ) en Belgique ( . » 5,00
3e, 4e et 5e » ) *chacune* ( . » 6,00
Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* » 1,00

## ABONOJ

Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . Sm. 2,40
Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* » 2,80
Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* » 4,00
Unu numero en Belgujo . . . » 0,10
1a kaj 2a jaro) en Belgujo ) . . « 2,00
3a, 4a kaj 5a ») *ĉiu* ) . . » 2,40
ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . . » 0,40

## INSCHRIJVINGEN

Ten minste 1 jaar . . . . . fr. 6,00
Met inschrijving in den Bond. *ten minste* » 7,00
Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr.. p. II) *ten minste* » 10,00
Een nummer . . . . . . . . » 0,25
1e en 2e jaar ) in Belgie ) . . » 5,00
3e, 4e en 5e jaar) *ieder* ). . . » 6,00
Buitenland . . . . . *meer* . » 1,00

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch,**
**BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1a de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn nojn. Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.




# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | | Nacie | | Internacie |
|---|---|---|---|---|
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | Sm. | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistû**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) II. 313 | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Sainte-Radegonde lez Tours, (I. L.) (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, 118bis, rue d'Assas, Paris, . . . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Helpa Lingvo**, Fino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIa . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.15 | » | 1.20 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **Laboro**, Sro Paul Blaise, 4, rue Bourg Tibourg, Paris IVe . . . . . . . | » | 3.00 | » | 1.20 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| avec supplément littéraire . . . . . . . . . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska no 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St Petersbourg. | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . | k. | 2.40 | » | 1.00 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | » | 2.50 | » | 1.00 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **The American Esperanto Journal**, Boulevard Station, Boston, Mass. . . . | d. | 1.00 | » | 2.00 |

**Espérantistes !**

**Détachez cette feuille intérieure de la couverture et utilisez-la pour la propagande !**

**Esperantisten !**

**Neemt dit binnenste blad van den omslag weg en benuttigt het voor de propaganda !**

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR. EEREKOMITEIT.

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.

le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.

le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.

le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.

le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.

J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.

MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.

O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.

ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

**Siége : BRUXELLES, RUE DE TEN BOSCH, 53.**

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Vice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN.
*Trésorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.
*Membres* (Leden) Melles A. GUILLIAUME, E. LECOINTE, MM. H. CALAIS, O. CHALON, Ed. MATHIEU, Commandant MENGAL, H. PALMER, Dr M. SEYNAEVE, SLOUTZKY, Dr R. VAN MELCKEBEKE, Lt. VAN WEYENBERGH, Lt. Cl. VERMEULEN, G. WILMET, A.-J. WITTERYCK.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Général :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Schrijver :

**rue de Ten Bosch, 53, Bruxelles.**

## EXTRAIT DES STATUTS.

ART. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

ART. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

ART. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

ART. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

## Uittreksel der Standregelen.

ART. 1. — Onder den titel **« Belgische Esperantische Bond »** (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

ART. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

ART. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

ART. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

# Règles grammaticales de l'Esperanto.

## Alphabet — Prononciation.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (tchèque), D, E = é (été), F, G dur (gant), Ĝ = dj (adjudant), H aspiré, Ĥ = h guttural, son mixte entre le h et le k (très rare), I, J = y (yeux), Ĵ = j (jour), K, L, M, N, O, P, R (un peu roulé), S (sifflant), Ŝ = ch (chat), T, U = ou, comme dans bouche, Ŭ = ou, comme dans oui, V, Z.

Toutes les lettres conservent toujours leur son alphabétique et doivent toujours se prononcer séparément, sauf les 2 diphthongues *aŭ* et *eŭ*.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par *o*. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — Le complément direct se marque par la terminaison *n* :

*La patro, la patroj.*

Complément direct : *La patron, la patrojn.*

*Règle 3.* L'adjectif se termine par *a* et suit les règles du substantif : *patra, patraj, patran, patrajn.*

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Ces adjectifs peuvent s'employer substantivement et adverbalement : *trio, sepe.*

*Règle 5.* Les pronoms personnels sont : *mi* (je, moi), *ci* (tu, toi, peu usité), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il ou elle pour les animaux et les choses), *si* (soi), *ni* (nous), *vi* (vous), *ili* (ils, elles).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i* : *fari* = faire ; présent *as* : *mi faras* = je fais ; passé *is* : *vi faris* = vous faisiez, vous avez fait ; futur *os* : *ili faros* = ils feront ; conditionnel *us* : *ŝi farus* = elle ferait ; impératif *u* : *faru* = fais, faites ; *ni faru* = faisons ; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent : *ant* : *faranta* = faisant ; passé *int* : *farinta*=ayant fait ; futur *ont* : *faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at* : *farata* = étant fait ; passé *it* : *farita* = ayant été fait ; futur *ot* : *farota* — devant être fait, que l'on fera.

Verbe auxiliaire unique *esti* = être.

*Règle 7.* L'adverbe est caractérisé par *e*.

*Règle 8.* Toutes les prépositions régissent le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce absolument comme il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant dernière syllabe.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* S'il y a dans la phrase un autre mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime.

*Règle 13.* Si le mot marque le lieu où l'on va, on le termine par l'*n* de clarté, à condition qu'il ne soit pas précédé d'une préposition.

*Règle 14.* Chaque préposition possède un sens immuable qui en fixe l'emploi. Si le choix de la préposition ne s'impose pas clairement on fait usage de la préposition *je*.

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro*.

*Règle 16.* Les terminaisons des substantifs et de l'article peuvent se supprimer et se remplacer par une apostrophe dans certains cas.

# Spraakkundige regels van het Esperanto.

## Alphabet — Uitspraakleer.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (fr. tchèque), D, E (half lang), F, G, Ĝ = dj (adjudant), H, Ĥ = ch, I, J, Ĵ (fr. jour), K, L, M, N, O, P, R, S, Ŝ = (fr. chat), T, U = oe (boer), Ŭ = w, V, Z.

Al de letters behouden steeds hun alphabetischen klank en moeten altijd uitgesproken worden, behoudens de tweeklanken *aŭ en eŭ.*

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts een bepalend lidwoord *la*. Er bestaat geen niet bepalend lidwoord.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op *o*. Het meervoud wordt gevormd door bijvoeging van *j*. Het voorwerp wordt aangeduid door de bijvoeging van *n*.

*La patro, la patroj.*

Voorwerp : *La patron, la patrojn.*

*Regel 3.* Het hoedanigheidswoord gaat uit op *a* en volgt de regels van het naamwoord : *patra, patraj ; patran, patrajn.*

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Deze grondgetallen kunnen als naamwoord en als bijwoord gebruikt worden : *trio, sepe.*

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn : *mi* (ik, mij), *ci* (het oude du, dich), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *vi* (gij, u), *ili* (zij, hem).

*Regel 6.* De uitgangen der werkwoorden zijn ten getale van 12 : Noemvorm *i* : *fari* = doen ; tegenw. tijd *as* : *mi faras* = ik doe ; verl. tijd *is* : *vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan ; toek. tijd *os* : *ili faros* = zij zullen doen ; voorwaardelijke wijze *us* : *ŝi farus* = zij zou doen ; gebiedende wijze *u* : *faru* = doe, doet ; *ni faru* = laat ons doen ; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord : tegenw. tijd : *ant* : *faranta*=doende ; verl. tijd *int* : *farinta* = gedaan hebbende ; toek. tijd *ont* : *faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord : tegenw. tijd *at* : *farata* = gedaan (wordend) ; verl. tijd *it* : *farita* = gedaan (zijnde) ; toek. tijd *ot* : *farota* = zullende gedaan worden.

Eenig hulpwerkwoord : *esti* = zijn.

*Regel 7.* Het bijwoord is gekenschetst door *e*.

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen een nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt volstrekt uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging van hunne bestanddeelen. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Indien in den zin een ander woord met ontkennende beteekenis voorkomt wordt het bijwoord « ne » weggelaten.

*Regel 13.* Indien het woord de plaats aanduidt waarheen men gaat, voegt men er de *n* van duidelijkheid bij, op voorwaarde dat het niet van een voorzetsel voorafgegaan zij.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis die er het gebruik van vaststelt. Indien de keuze van het voorzetsel niet klaar genoeg bepaald is bedient men zich van het voorzetsel *je*.

*Regel 15.* De internationale woorden veranderen niet in het Esperanto ; zij nemen er slechts de schrijfwijze van aan : theater = *teatro*.

*Regel 16.* De uitgangen van het naamwoord en van het lidwoord kunnen weggelaten en in sommige gevallen door een afkappingsteeken vervangen worden.

15 Septembre 1907. 15a Septembro 1907. 68a NUMERO. 15n September 1907
6a JARO, 1a numero.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

# DELEGITO DE REGISTARO.

Tre gravan decidon prenis la Belga Ministraro : la artileria leŭtenanto Maŭrico Cardinal, subprofesoro (ripetanto) de mekaniko ĉe la Milita Lernejo estis difinita kiel oficiala delegito de la Belga Registaro apud la IIIa Esperanta Kongreso de Kembriĝo.

La feliĉan iniciativon de la Milita ministro kaŭzis la generalo Leman, direktoro de la Milita Lernejo.

Dum la Kongreso de Genevo, la Franca Milita ministro delegaciis leŭtenanton Bayol, instruiston ĉe la Speciala Lernejo de St Cyr, kaj la franca ekzemplo tiu ĉi jare naskis imiton en Belglando; estas multvalora kuraĝigo por ĉiuj, kiuj celas adopton de ia internacia helpanta lingvo, la dua kaj sama por ĉiuj.

Nia samideano Cardinal, kiun ni gratulas je la nomo de la gelegantoj de « La Belga Sonorilo » faros raporton al la Registaro pri la nuna stato de Esperanto ĉe la diversaj armeoj kaj pri la ebleco enkonduki tiun lingvon en la programo de la Milita Instruo.

Estus bela rezultato se, daŭrigante la ekzemplon de la Belglanda Akademio, kiu akceptis la principon de internacia helpanta lingvo, en proksima estonteco, la Milita Lernejo de Belglando starigus la unuan oficialan kurson de Esperanto.

Estus glorinda titolo por nia kara lando kaj ankaŭ tre grava fakto en historio de Esperanto.

La entuziasma akcepto de la oficiala Belga delegito en ĉiuj kunvenoj de la Kembriĝa Kongreso montras la gravecon de la ĝis nun ricevita rezultato.

## DÉLÉGUÉ DU GOUVERNEMENT.

Le ministère belge vient de prendre une décision importante : le lieutenant d'artillerie Maurice Cardinal, répétiteur de mécanique à l'Ecole Milita re a été désigné comme délégué officiel du Gouvernement belge auprès du III^me Congrès d'Esperanto à Cambridge.
L'heureuse initiative du ministre de la Guerre est due au général Leman, directeur de l'Ecole Militaire.

Pendant le congrès de Genève, le ministre de la Guerre français délégua le lieutenant Bayol, instructeur à l'Ecole Spéciale de St-Cyr et l'exemple de la France fut suivi cette année en Belgique; c'est un précieux encouragement pour tous ceux qui poursuivent l'adoption d'une langue auxiliaire internationale, d'une langue seconde, la même pour tous.

Notre camarade Cardinal, que nous félicitons au nom de tous les lecteurs de « La Belga Sonorilo » fera un rapport au Gouvernement sur la situation actuelle de l'Esperanto dans les diverses armées et sur la possibilité d'introduire cette langue dans le programme de l'enseignement militaire.

Ce serait un beau résultat si, continuant l'exemple de l'Académie de Belgique qui a accepté le principe d'une langue auxiliaire internationale, dans un avenir prochain, l'Ecole militaire de Belgique instituait le premier cours officiel d'Esperanto.

Ce serait un titre de gloire pour notre cher pays et aussi un fait très important pour l'histoire de l'Esperanto.
L'accueil enthousiaste réservé au délégué officiel belge dans toutes les réunions du Congrès de Cambridge est une indication de l'importance du résultat obtenu jusqu'ici.

## AFGEVAARDIGDE VAN DE REGEERING.

Het Belgisch ministerie heeft onlangs een zeer gewichtig besluit genomen: de artillerieluitenant Maurice Cardinal, repetitor van werktuigkunde bij de Militaire school, is door de Belgische regeering aangeduid geworden als officieele afgevaardigde bij het III^e congres van Esperanto te Cambridge.
Het gelukkig initiatief van den minister van Oorlog is te danken aan Generaal Leman, bestuurder der Militaire School.
Gedurende het congres van Geneve had de Fransche minister van Oorlog luitenant Bayol, professor bij de Bijzondere School van St Cyr afgevaardigd en het voorbeeld van Frankrijk werd dit jaar door België gevolgd; het is een kostbare aanmoediging voor allen die ijveren voor het aannemen eener wederlandsche hulptaal, eener tweede taal, de zelfde voor allen.
Onze kameraad Cardinal, dien wij namens de lezers der «La Belga Sonorilo » geluk wenschen,zal aan het Staatsbestuur een verslag indienen over den tegenwoordigen toestand van het Esperanto bij de verschillige legers, en over de mogelijkheid deze taal op het programma van het krijgsonderwijs te brengen.
Het ware een schoone uitslag indien, het voorbeeld der Belgische Academie voortzettende, die het grondbeginsel eener internationale hulptaal in eene niet verwijderde toekomst aanvaardde, de Militaire School van België de eerste officieele leergang van Esperanto inrichtte.
Het ware een eervolle titel voor ons geliefde land en tevens een merkwaardig feit in de geschiedenis van het Esperanto.
Het geestdriftig onthaal van den Belgischen afgevaardigde bij al de vergaderingen van het congres in Cambridge bewijst de gewichtigheid van den tot nu toe verkregen uitslag.

---

## AVIS.

L'abondance des matières ne nous permet pas l'insertion de la suite de notre rubrique: Vers la langue auxiliaire internationale, du commandant Ch. Lemaire. Dans notre prochain numéro nous reprendrons la publication régulière des derniers articles.

---

Le journal ne paraîtra qu'une fois pendant le mois de septembre, comme en août. Pendant le reste de l'année, il paraîtra régulièrement à raison de deux numéros par mois; de cette façon nous atteindrons le nombre de 22 numéros. Les numéros seront d'au moins 8 pages, toutefois la quantité d'informations que nous recevons nous obligera souvent à faire paraître des numéros plus importants.

LA RÉDACTION.

## AVIZOJ.

La amplekso de niaj hodiaŭaj tekstoj ne permesas al ni enlokigon de la daŭrigo de nia rubriko: Al la internacia helpanta lingvo, de komandanto Ch. Lemaire. En nia proksima numero ni rekomencos regulan aperon de la ceteraj artikoloj.

---

La ĵurnalo aperos nur po unufojo dum la septembra monato, kiel dum la aŭgusta. Dum la cetero de la jaro, ĝi aperos regule po dufojoj ĉiumonate; tiamaniere ni atingos nombron da dudek du numeroj. La numeroj estos almenaŭ okpaĝaj,sed la kvanto da sciigoj altrudos certe al ni eldonojn de numeroj pli ampleksaj.

LA REDAKCIO.




## LA TRIA

### Kongreso en Kembriĝo 12-17 Aŭgusto 1907.

Ĉu kiam la glora Zamenhof skribis la unuan verson de nia himno « La Espero »:

En la mondon venis nova sento,

li antaŭenvidis la ĵus alvenintan momenton, tiun nedifineblan senton, kiu eniĝas en la koron de ĉiuj esperantistoj, kiuj ĉeestis al la Tria Kongreso?

La profeta diro de la Doktoro Esperanto, je la naskiĝo de la lingvo, plene realiĝis kaj tio estas fakto neneigebla: la sento, kiu skuis ĉiujn samideanojn niajn dum la neforgeseblaj festoj de Kembriĝo, estas nova, tuthoma elmontro de fratiĝo, de kvazaŭ familia komunio, kiun povas nur traduki la koro, la intima premo:

Ĝi promesas sanktan harmonion.

Feliĉaj estu tiuj, kiuj libere ĝin ricevis.

***

Multaj estas la Belgaj samideanoj, kiuj veturis al Kembriĝo; ne timante nomaron tro ampleksan, ni opinias ke estas por ni devo citi ilin plene; oni erte nin pardonos ĉu ia eraro aŭ ia forgeso glitiĝis en nia raporto. Do la Belgaj kongresanoj estis:

Fraŭlinoj Louise Hoffmann, vicprezidantino de « Pioniro ». Anna Guilliaume, Ma ia Delfosse, Clotilde Simon, Zelia Chevalier, Elly Staes, Célestine Laureys, Marie Moreau, ĉiuj de la grupo « Pioniro » kaj Fraŭlino De Cavel de la Bruĝa grupo.

Sinjorinoj Félicie Staes de la grupo « La Semanto » kaj Emilie Hoffmann.

Sinjoroj leŭtenanto Maurice Cardinal, oficiala delegita de la Milita Ministro, Lucien Blanjean kaj Amatus Van der Biest, vicprezidantoj de la Belga Ligo, Jos. Jamin, Via humila moŝteto, sekretario de la Ligo, Octave Chalon, leŭtenanto Giminne, abato Richardson, Félix Maisonpierre, ĉiuj de l' grupo « Pioniro », S<sup>roj</sup> A. J. Witteryck kaj leŭtenanto Van Weyenbergh de la Bruĝa grupo, S<sup>roj</sup> Batavier el Antverpeno, H. Palmer el Verviers, Paul Blaise el Louvain, Léon Carlier el Charleroi kaj Léopold Pirsoul el Namur.

***

La plimulto el ni enŝipiĝis dum la mateno de la dimanĉo 11ª de Aŭgusto sur la nova turbinŝipo « Princino Elisabeth » kaj post ĉarma, gajplena marveturo, ni alvenis al Dover, kie delegito de la tiea grupo faciligis por ni, la scivolemajn esplorojn de la limgardistoj. Ni ankaŭ trovis tre bonan akcepton de tute nekonataj samideanoj, kiam ni alvenis al la staciadomo « Charring Cross » en Londono kaj vespere al Kembriĝo mem. La bonekonata afableco de la Angloj duobliĝis dum tiuj ĉi tagoj, la organizo de la malfacilaj detaloj estis inteligente preparita kaj la gratuloj ricevitaj de ĉiuj estis plene meritaj.

***

Antaŭ la oficiala malfermo de la Kongreso, okazis alia oficiala manifesto, tre grava por nia kaŭzo kaj kiu faris grandan impreson, pro ĝia soleneco kaj pro la entuziasmo, kiu karakterizis ĝin.

Dum la 12ª Aŭgusto, posttagmeze, la esperantistaro akceptis Doktoron Zamenhof, Sinjorinon Zamenhof, kaj la ĉefajn organizantojn en la Staciadomo de la urbo.

La urbestro kaj urbaj konsilantoj, la profesoroj, studentoj kaj studentinoj de la kolegioj, multo da profesoroj de la Franca Universitato inter kiuj ni rimarkis rektoron Boirac, profesoroj Bourlet, Cart, k. c.; generalo Sebert de la Instituto de Franclando, multo da oficiroj de ĉiuj nacioj: anglaj, francaj, hispanaj, holandaj kaj la belga milita delegito, ĉiuj en oficialaj roboj, vestoj kaj uniformoj donis al tiu akcepto veran imponantan karakteron; ni rimarkis ankoraŭ multajn pastrojn de ĉiuj religioj kaj inter ili la violkoloran robon de prelato, Monsinjoro Scott, katolika rektoro en Kembriĝo k. c.

Baldaŭ originala sekvantaro formiĝas kaj sin direktas al la Fitzwilliam Muzeo: komence vera nubo da ciklistoj kaj ciklistinoj sekve taĉmento de rajdantoj de la volema milita regimento, « Legion of Frontiersmen » kun liaj originalaj sudafrikaj uniformoj, la policanoj rajdantaj antaŭeniras la veturilon, en kiu estas D<sup>ro</sup> Zamenhof akompanita de la urbestroj de la urbo. En sekvantaj veturiloj kaj aŭtomobiloj, la plej eminentaj esperantistoj akompanas ilin, kaj baldaŭ la ekstera ĉefa ŝtuparo de la Muzeo estas kvazaŭ formikaro da esperantistoj kun roboj, uniformoj kaj vestaĵoj la plej diversaj, la plej kuriozaj.

Procesio formiĝas; antaŭeniras la Universitaj Ormasaj — Portantoj laŭ angla kutimo, oni donacas gerbojn da floroj al Zamenhof kaj sur la sojlo de la monumento akceptas lin la vickanceliero (*vice chancellor*) Rev. E. S. Roberts.

En tiu ĉi momento, la amaso sur la strato estis tiel entuziasma, tiel aplaŭdanta, ke la policanoj — kiuj parolas Esperanton — ne povis haltigi ĝin, kaj surprize la ondo da manifestantoj enpenetras en ĉiuj koridoroj de la Muzeo, en ĉiuj salonoj kaj okupas la tutan monumenton. Feliĉe la oficiala akcepto povas okazi en salono fermita; sed kiam Zamenhof trapasis la centran vestiblon por foriri, ni ĉeestis al la plej bela akcepto kiun oni povus vidi. En entuziasmo, la krioj kaj aplaŭdoj superregis ĉion, oni kubute batalas, oni puŝas senintence kaj eĉ tre gaje la flagoj, la ĉapeloj kaj poŝtukoj flirtas kaj larĝe sin movas en aero, la virinoj pro ekscito paliĝas, eĉ kelkaj el ili svenas; la puŝo elportis fore la amason, kiu disŝutiĝas en la stratoj kaj okupas Kembriĝon kvazaŭ sieĝita urbo.

***

La fluo sin di ektas al la ĉefa korto de la *Trinity* kolegio (de la Triunuo), kie atendas ĝin bataliono da fotografistoj kun armiloj — pardonu: kun aparatoj — direktita de leŭtenanto kolonelo Pollen, en ruĝa robo de hinda profesoro, kiu, komence per vanaj rekomendoj, poste per afabla ruzo sukcesis grupigi la malobeeman armeon. Fine la fotografiistoj sukcesis enkapti du grupojn da pli ol mil ĉeestantoj, la plimulto el niaj belgaj partoprenantoj sukcesis ankoraŭ akiri bonan lokon. La fotografaĵoj, kiujn ni vidis dum la sekvanta tago estas tre belaj kaj ni rekomendas al ĉiuj akiron de tiuj memoraĵoj.

***

Kiel oni povas konstati per tiu ĉi iom humora raporto, la organizo de la kongreso estis inteligente kaj originale direktita. De nun ni certigas la koran dankon de ĉiuj el ni al la Trio, la tri sindonemuloj kiuj malavare zorgis por tiu plena sukceso: Leŭtenanto kolonelo John Pollen, prezidanto de la angla asocio: *The British Esperanto Association*, Doktoro Cunningham la senlaca organizanto kiu preparadis ĉion en Kembriĝo kaj kiu altiris al nia kaŭzo la estrarojn de la Universitato kaj de la urbo, ankaŭ H. Bolingbroke Mudie, la simpatia Hobomo (H. B. M.), la laboranta abelo, de kiu la afablecon kaj fortan karakteron ne povis malakceli la multnombraj informoj postulitaj de la kongresanoj. Al ili, kiel la kongreso ankaŭ decidis oficiale, iras la propramova dankeco de a Esperantistaro.

***

Antaŭ raporti pri la kunvenoj de la Kongreso mem, ni deziras iom esplori la pleninteresajn religiajn manifestojn kiuj okazis en Kembriĝo dum la dimanĉo 11ª de Aŭgusto kaj dum la jaŭdo 15ª, festo de Asumcio (ĉieliro de la Beata V. Mario).

En la katolika preĝejo *Church of our Lady and the English Martyrs* (Preĝejo de nia Sinjorino kaj de la Anglaj martiroj), dum la dimanĉo 11ª, la abato Parker, irlandano faris meson, kaj abato Richardson el Bruselo predikis antaŭ multnombra ĉeestantaro. Li legis telegramon sendita el Romo al Monsinjoro Scott, katolika Rektoro en Kembriĝo:

Sankto Pastro permesas pastron Richardson doni sianome papan benon post prediko, katolika diservo.

GIAMBENE.

La episkopo de Northampton plene konsentis.

La katolikoj respondis telegrame kaj esprimis sian plenan dankecon por la sendita beno.

Dum la meso oni aŭdis belajn korusojn, kantitajn de gesinjoroj de tri diversaj nacioj; post la meso oni preĝis ankaŭ en Esperanta lingvo.

La ĵaŭdon 15ª de Aŭgusto, abato Frohns, parokestro de Warstade (Hanovro) predikis en la sama preĝejo, abato Richardson faris meson; ĉiutage la pastroj ĉeestantaj al la kongreso faris meson por la katolikaj kongresanoj kaj — tio interesas multe nin — post meso laŭte preĝis Esperante.

***

En preĝejo « *Great St. Mary's* » okazis la Anglikana diservo en Esperanto. Sro pastro J. Cyprian Rust faris la predikon, lin helpis la pastroj A. J. Edmonds, R. C. Brindley kaj A. Poynder kiu, siavice, predikis en preĝejo « *St. Clement's Danes* » en Londono dum la sekvanta dimanĉo. Sro pastro Rust estis organizanta ankoraŭ korusojn, kiuj produktis gravan impreson. La ordo de Diservo estis laŭ la preĝlibro de la angla eklezio, aprobita de la episkopo de Ely.

En la *Congregational Church Emmanuel* okazis ankaŭ Kongregacia Diservo. Pastro Schenneberger, Sviso, prezidanto de la IIª Kongreso en Genève direktis la Diservon kaj Rev. W. B. Selbie, el Kembriĝo, kiu lernis Esperanto de kvin semajnoj, faris plensukcesan predikon. Ankoraŭ en tiu preĝejo la Esperantistoj koruse kantis himnojn speciale verkitajn.

Do en ĉiuj religiaj Diservoj, Esperanto ricevis bonan akcepton kaj tiu fakto estas ĉefa temo por la Angloj, kiuj estas tre religiaj kaj de kiu la observo de la dimanĉaj preĝoj kaj ripozo estas tute rimarkinda. Ni ne dubas ke tiuj manifestoj, kiuj honorigas la organizantojn kaj partoprenantojn altiros al nia afero nombron da skeptikuloj, ĝis nun ŝanceliĝantaj.

La ĵurnaloj de la urbo, tre longe raportis pri tio, en angla lingvo kaj en Esperanto; ni aldonos ke ĉiutage, la ĵurnalo « *Cambridge Daily News* » donis longan raporton, preskaŭ unu plena paĝo de la ĵurnalo, Esperante.

***

Ĉar Esperanto estas plene neŭtrala rimedo por ĉiuj, ni raportos ankoraŭ pri specialaj kunvenoj kiuj okazis, flanke de la Kongreso, dum la sekvantaj tagoj.

Per la granda afableco de la Moŝto kaj oficiroj de la Framasona loĝio « *Isaac Newton* » okazis en Kembriĝo speciala kunveno je la honoro de la framasonaj Esperantistoj al kiu ĉeestis Rusaj, Francaj, Svisaj, Belgaj, Svedaj, Germanaj, Holandaj kaj aliaj ne-anglaj fratoj.

La vicprezidanto de la Framasona Esperantista grupo raportis pri la fondo kaj historio de la Societo; oni prenis la kutiman teon en la manĝoĉambro. Al tiu kunveno, kiu bone sukcesis, la grupo ricevis aliĝon de multe da novaj grupanoj, inter ili la Moŝtoj de la tri Loĝioj el Kembriĝo: «Isaac Newton», « Tri Grandaj Principoj » kaj « Scienca ».

La kunveno speciala pri la Traduko de la Sankta Biblio en Esperanto okazis ankaŭ dum la 11a Aŭgusto posttagmeze en la Urbadomo. Ĉirkaŭ 200 personoj ĉeestis. Oni decidis ke la traduko estas nek eklezia, nek nacia afero, sed nur Esperanta. Oni starigis komitaton kiu direktos la tradukaĵon, la elektitoj estas abato Peltier, pastroj Schenneberger kaj Rust. Sro Evstifeieff (Siberano rusa) prenos sur si eldonon de gazeto ampleksa de ĝis 16 paĝoj por diskonigo de la atingitaj rezultatoj.

La liberpensuloj kunvenis; post propono de Sro R. Deshays (franco) ili decidis ke oni proponos enkondukon de Esperanto en Kongresoj de liberpensuloj kaj ankaŭ baldaŭan fondon de Internacia Societo.

Aliaj kunvenoj okazis, ni ne povas kompreneble raporti pri ĉiuj ; ni nur ilin citos : la katolikaj Esperantistoj kunvenis pro fondo de katolika grupo sub prezido de abato Richardson ; la ruĝuloj kaj socialistoj aparte kunvenis dum la merkredo 14a en *Guildhall* (Juĝejo); la Kristanaj klopodantoj organizis dum la dimanĉo 11a, speciala kunveno en la Urbadomo. Sro Wheeler el Barrow in Furness (anglo) prezidis. Sro Samuel Meyer (franco) S o Schroeder (aŭstrio) Sro Treverton (anglo) kaj Sinjorino Shaw el Chicago (Amerikanino) prezentis diversajn proponojn.

***

## Solena malfermo de la Kongreso.

La nokto alproksimiĝas; la stratoj de la urbo Kembriĝo sulkiĝas per longaj linioj da gesinjoroj feste vestitaj; antaŭ la nova teatro la amaso densiĝas sub la radioj de elektra lumo ; la verdaj steletoj brilas en la buontruoj de la viroj, sur la brusto, sur la kolo, inter la juveloj de la virinoj; febra malpacienco briligas la junajn okulojn ; estas festo humana, festo de koroj, festo de la sentoj.

Baldaŭ la granda konstruaĵo estas plena, kaj tamen la fluo verŝas ankoraŭ novajn kongresanojn, kiuj amasiĝas kaj staras en la irejoj pli malpli komforte. La teatro enhavas vastan parteron kaj du tre vastajn amfiteatrojn, kiuj grade altiĝas ĝis la tegmentoj de la monumento; en duba lumo, la formikaro babiladas brue, la blankaj korsaĵoj de la virinoj gajigas la nigrajn rangojn de la viraj vestoj.

La kurteno leviĝas kaj sur la scenejo aperas grupon da gesamideanoj, kiuj kantas la belan himnon « Espero » por kiu Sro de Ménil verkis impresan muzikon; la trian strofon ripetas koruse la tuta aŭdantaro. La ĉeestantaro fariĝas pli kaj pli malpaciencema kaj kiam la kurteno releviĝas en solena silento, tondro de aplaŭdoj subite salutas Doktoron Zamenhof kaj la delegitojn de ĉiuj nacioj starantajn sur la scenejo.

Dum la tuta festo la entuziasmo de la kongresanoj sin tradukis per fortaj krioj de « *Hip, hip, hurrah!* » kaj per batoj regulaj de la manoj laŭ ordono kaj nomitaj france « *ban* ».

Kiam la silento denove regis, Sro Schneeberger, prezidanto de la IIa Kongreso en Genevo, prezentas kaj salutas la anglajn organizantojn kaj transigas la prezidon al leŭtenanto kolonelo Pollen, la aklamita prezidanto de la Tria. Tiu ĉi deziras bonvenon al ĉiuj sur la angla tero kaj dankas pri la honoro kiun ĝi ricevis. Meze la delegitoj kiuj ĉirkaŭas Dron Zamenhof estas la urbestro kaj la urbestredzino de la urbo, (*the Mayor and Mayoress*) gesinjoroj Stace; la urbestro leviĝas kaj al la mirigita ĉeestantaro, li adresas per pura Esperanto, la saluton de la urbo al Zamenhof kaj al ĉiuj fremduloj. Kompreneble tiu neatendita alparolo estas freneze aplaŭdita; la aplaŭdoj duobliĝas kiam la gracia urbestredzino, sinjorino Stace, ankaŭ per Esperanto, salutas aparte la virinojn kiuj estas multaj en la kongreso.

Sekve, leŭt. kolonelo Pollen prezentas al la Esperantistaro belan blazonflagon kiu, li esperas, estos la simbolo de la paco kaj de la frateco kiuj unuigas la samideanoj ; Sro Bolingbroke Mudie fiere alportas la flagon kaj solene Dro Zamenhof ĵuras defendon de nia kaŭzo.

En tiu momento la glora elpensinto de la lingvo komencas sian ĉiujaran paroladon, ofte haltigita per aplaŭdoj. Ni ne reproduktos hodiaŭ la tutan temon de la parolado ĉar ĝi estas tre longa; post danko al la Anglaj samideanoj, al Kembriĝo, al Lia Reĝa Moŝto Eduardo la VIIa, Zamenhof proponis ke la Kongreso honoru la memoron de Dro Javal kaj de ĉiuj mortintaj Esperantoj per silenta leviĝo de ĉiuj. Tiu impresa manifesto kaŭzis kortuŝantan senton.

Zamenhof tiel memoras la pasintan agadon :

« Mi kore vin gratulas, ke vi pacience eltenis en la daŭro de dudek jaroj, malgraŭ la multaj atakoj kaj malagrablaĵoj, kiuj al neniu el vi mankis. Mi kore vin gratulas pro tiuj rezultatoj, kiujn donis via energia kaj sindona dudek-jara laborado. Dudek jaroj da laborado por la esperantismo ! kion tio signifas, — oni komprenos nur iam poste, kiam oni legos la detalan historion de la esperantismo. Kian grandegan gravecon havas niaj ĝisnunaj akiroj, tion oni ankaŭ ĝuste komprenos nur iam poste, kiam oni ekscios detale la historion de niaj unuaj jaroj, kiam la akiro de ĉiu nova Esperantisto estis ligita kun senfina laborado kaj oferado.

Multaj el vi konas la historion de la lastaj dek jaroj de la esperantismo, kiam la longe dormintaj semoj komencis doni la unuajn trunketojn ; sed tre malmultaj el vi konas la historion de la *unuaj* dek jaroj, kiuj konsistis el senfina, ŝajne tute sensukcesa semado. La historio de la esperantismo iam rakontos al vi pri ĉiuj tiamaj semantoj.

Nun nia afero staras forte. La glacia tavolo da antaŭjuĝoj de la mondo estas rompita, kaj nia afero kreskas regule kaj senhalte. Ĉiu jaro potence pligrandigas niajn fortojn, kaj ni iras al nia celo jam kun plena trankvileco. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton. La naturo, kiu longan tempon batalis *kontraŭ* ni, batalas nun *por* ni, ĉar tiu sama forto de inercio, kiu longan tempon terure malhelpis ĉiun nian paŝon, ĝi mem nun ŝovas nin antaŭen. Eĉ se ni volus nun halti, ni jam ne povus. »

